Año X (N.º 111)

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 5

SEPTIEMBRE OCTUBRE 1958

PELAYO, 7 VALENCIA (ESPAÑA)





BELA KIEL REVO ESTIS LA KONGRESO EN CASTELLON!



**Ĉiu momento havis sian propran etoson aŭ karakterizan trajton...**

**La publika brilo de kongreso estus efemera pompo, sen la interna metoda laborado de taŭgaj institucioj, moderne funkciantaj, kiel**

# INSTITUTO DE ESPERANTO EN BARCELONO, MODELA ORGANIZO

Lerte gvidata de kompetenta direkcio, post oficiala aprobo de la koncerna Ministerio, ekde la 1.ª de pasinta Julio, leĝe funkcias, kun la subteno de ĉiuj barcelonaj grupoj, ĉi tiu supera organizo, kiu certe fariĝos en nia lando plej grava esperantista centro. Ĝia serioza agado kaj taktoplena sinteno, neniel ĝena por la flugiloj de plej pasia entuziasmo, forte kreditigas nian ideon antaŭ ĉiuj kulturaj, sciencaj kaj literaturaj medioj de la kataluna ĉefurbo. La Instituto, apenaŭ fondita, jam havis du intervenojn kun tre bonaj rezultatoj:

La 4.ª Internacia Kongreso pri Psikoterapio, okazinta en Barcelono, komence de Septembro, ricevis proponon akcepti Esperanton, kiel internacian lingvon por estontaj kongresoj. Pro teknikaj kaŭzoj, ne estis eble diskuti la proponon; sed, dank' al trafaj demarŝoj de S-ano D. Masachs, membro de la Instituto, postenis interpretisto de Esperanto en la Informa Oficejo, kie ankaŭ deĵoris aliaj similaj interpretistoj por la angla, franca kaj germana lingvoj. S-ro Masachs mem plenumis tiun taskon. Cetere, la Prezidanto de la Kongreso, D-ro Sarró, kaj ĝia Sekretario, D-ro De la Cruz, promesis helpi la kampanjon, kiun la Instituto preparas ĉe la kuracistaj medioj de Barcelono.

En «Mundo» (*) grava ĉiusemajna madrida revuo pri internacia politiko, aperis letero: «Latin, no Esperanto», kiu tuj ricevis adekvatan respondon de la Instituto, en formo de klara kaj frapa artikolo: «Esperanto, no Latin», verkita de S-ano Manuel de J. Naranjo Vega, honora Sekretario de la Fakultato de Sciencoj de la Universitato de Barcelono. La konvinkaj argumentoj de lia dialektiko ĝustigis la aferon kaj malfermis viglan polemikon, kiun interese sekvis la legantoj, favore influataj por ni, en kelkaj postaj numeroj de la dirita revuo. Niajn gratulojn plej sincerajn al Instituto de Esperanto!

(*) Numero 954, paĝo 515 - 17. Aŭgusto 1958.

---

## EL 19º CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO PASÓ...

**Aun aquellos que teníamos absoluta confianza en el éxito del Congreso de Castellón, nos vimos superados por la más halagadora realidad. La escasez de organizadores, se vió suplida por su desmedido entusiasmo, y la colaboración de los congresistas fué decisivamente fructífera. Las autoridades locales y las fuerzas vivas dieron el exponente de su generosidad e hidalguía, típicamente levantinas.**

**El programa, que sobre el papel ya prometía interés y satisfacción, tanto bajo el punto de vista de nuestros ideales, como en su aspecto turístico, se desarrolló con superación a todo cálculo. Nuestra gran familia, que espera anualmente la periódica ocasión de su encuentro, pudo una vez más darse esa inmensa satisfacción. Nuestro ideal de fraternidad mundial comienza concretamente por el establecimiento de lazos de afecto familiar entre nosotros, esperantistas españoles, que, a lo largo y ancho de nuestra geografía nacional, demostramos la efectividad y solidez de nuestros sentimientos de comprensión, tolerancia y solidaridad, piedras fundamentales para el establecimiento de un sistema mundial de comprensión por medio del idioma auxiliar. En la Asamblea de Castellón, esa efusión se vió confirmada, una vez más, y hasta llevada a un grado de grata madurez.**

**Bajo el punto de vista laboral, las reuniones fueron fructíferas, y el objetivo principal fué la tarea de encontrar la fórmula eficaz para que todos los esperantistas españoles se vean encuadrados en la Federación, que es para todos, emblema, escudo y norma. Las conclusiones del Congreso, como en años anteriores, patentizan el deseo de los esperantistas españóles de ver triunfar en nuestro país nuestra doctrina idiomática, que es garantía de un mejor clima de comprensión efectiva, real y práctica, como el mejor medio para lograr el máximo entendimiento moral entre todos los hombres, empezando por nosotros mismos, tan hermanados entre sí, que, despidiéndonos en Castellón, ya estábamos pensando en volvernos a ver, el año que viene, para pasar juntos otra vez las vacaciones veraniegas, en una ciudad ilusionadamente idealizada -porque todavía no sabemos cual es- de la bella Andalucía.**



**LA FAMILIARA MEDIO DE CASTELLON ESTIS IDEALA SCENEJO POR LA**

# 19ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Kies pli ol ducent partoprenantoj -kun rimarkinda nombro da gejunuloj- spertis la gastamecon de la urbo, kiun egale grandanime reprezentis aŭtoritatoj, komercistoj aŭ simplaj surstrataj homoj. La kongresanaro -kvazaŭ hejme en propra luksa somera domo, kun strando kaj parko- povis iri tute facile de loko al loko, tiel same por diligente labori, kiel por plezure sin distri.**



Kvankam komparo, laŭ popola onidiro, estas evitebla eraro, tikla emo al komparo petolas tamen ĉe la pinto de mia fontoplumo, komence de la nunjara kroniko, memorigante min ankoraŭ pri la famo de Madrido, la giganta metropolo, kiu oferis pasintjare, en tre riĉa sortimento, la paradon de sia oficiala pompo al nia landa renkontiĝo.

Sed, tiu kontrasto mem, kiu evidente ekzistas, inter la ŝtata administracia centro kaj modesta ĉefurbo de laborema provinco, multe mildigis siajn randojn kaj proksimigis siajn ekstremojn, kiam egala komplezo --aŭ eble pli klara konscio-- antaŭ la evento de sama arango, puŝis la modestan urbon brave malmodesti, por akcepti kaj regali la kongresantajn esperantistojn ankaŭ laŭ maniero tiel ĝentila kaj natura, ke se ili okaze faras komparon, certe la komparo ĉiam estos favora ŝanco por altigi, en ilia konsidero, la prestiĝon de Castellon, minimume kelkajn centimetrojn super la kupolo aŭ krono de plej supra etaĝo, en plej alta konstruo, defie skrapanta la ĉielon de kiu ajn moderna kvartalo, ie sur la mondo...

Sciu, do, la kuraĝaj organizintoj --tiel malmultaj, ke troas la fingroj de unu sola mano por ilin kalkuli-- ke ilia streĉa laborado ne estis vana; ĉar, ekster la brilo de oficialaj solenaĵoj, kiel pozitiva rezultato de aktivaj klopodoj kaj lertaj demarŝoj, aparta sukceso, pli intima, pli *propra,* estis la ĝoja animstato de ĉiuj venintaj gesamideanoj, la plaĉa rideto ĉie videbla, kvazaŭ ĝenerala marko de optimismo, sur la mieno de vere kontentaj kongresanoj, el kiuj, kelkaj --sincere mi konfesu tion!-- venis iom skeptike, *nur por veni,* atendante *perdi* plurajn tagojn por enua bagatelo, en sensignifa loko, speco de granda vilaĝo, kun pretendema rango de provinca ĉefurbeto.

Nu, kion ili trovis? Anstataŭ enuon en teda vilaĝo, oni renkontis la eblon gustumi plej variajn kaj agrablajn emociojn en ĉarme modernigita urbo, kiu, romantike konservante malnovajn sed purajn angulojn, ŝatas ankaŭ montri kompletajn blokojn da elegantaj konstruaĵoj, kies blindige sunumitaj fasadoj desegnas novajn larĝajn stratojn kaj vastegajn placojn, kun diskreta --beninde diskreta!-- trafiko, sur glata kaj tute ebena pavimo, kiu, sen la ĝena bruego de knarantaj tramoj aŭ furiozaj motoroj, donas al tiuj placoj kaj stratoj kvietan aspekton de salonoj aŭ terasoj, garnitaj per artaj bedoj, kun

arboj kaj floroj, kiel refreŝigaj insuloj el densa verdaĵo, filioj de la majesta veterana parko de Ribalta --pulmo de la urbo-- kiu strategie situas, apud alia proksima flanko, en direkto al la haveno, inter digoj kaj arganoj, ĝis oritaj sablejoj, kiuj mergiĝas en la bluan simfonion de sennuba ĉielo kaj trankvile ondanta maro: la lazura Mediteraneo!

Tamen, ho, jes ja! bela flakono postulas bonan parfumon; same kiel ju pli valora estas kadro, des pli ĝi meritas garnituri valoran artaĵon... Sekve, do, laŭeble, akorde kun la necesaj etapoj kaj gradoj, la organizintoj akurate zorgis pri bonorda regula disvolviĝo de riĉa programo, kies apartaj eroj formis harmonian tuton. Ĉiu momento havis sian propran etoson aŭ karakterizan trajton: pia sinteno dum la Solena Meso, kun la jam tradicia Esperanto-prediko, antaŭis la Solenan Akcepton kaj Malfermon en la Urbodomo; utilaj laborkunsidoj estis prologoj por instruaj kaj ripozigaj prelegoj; Muzika Koncerto agordis la spiriton, ĝis bona apetito --pli materie-- *dece* honorigis la *farĉitan* menuon de la Oficiala Bankedo, kun tre kurioza deserto, en kiu alternis fruktoj kaj kukoj, kun versaĵoj kaj diskursoj, preter spritaĵoj kaj tostoj; kio cetere havis precedencon en antaŭaj vizitoj --pli malpli mondumaj-- kiuj nepre finiĝis per unuaklasaj lunĉoj, en imponaj salonoj aŭ eĉ en la granda kolektiva manĝejo de grava ŝufabriko, okaze de la ekskurso al Vall de Uxó, aŭ kiam oni piknikis ĉe taŭga ombrejo en strando, apud la historia kastelo de Peñíscola.

Dum la daŭro de la Kongreso, sub la varma --neniel *seka* oficiala-- patronado de ĉiuj aŭtoritatoj senescepte, la esperantistoj troviĝis hejme en Castellón, ĝuante la efektivan simpation de la tuta komunumo, amplekse informata ĉiutage pri la okazaĵo, dank' al raportoj de la urba ĵurnalo kaj radio. Konstanta krio por la okuloj estis la frapaj afiŝoj, ege abunde gluitaj --duope, triope, kvarope...-- sur fostoj kaj muroj, aŭ en kristaloj de montrofenestroj, kiel neniam antaŭe dum alia kongreso. Kaj, se deziro efektiviĝas, venontjare regos simila atmosfero en urbo de la Sudo... en la pimpa Andaluzio!

◆ ■ ◆

Por la membroj de la Valencia rondo, la proksimeco de Castellon --65 kilometroj norde-- ebligis diversajn facilajn rimedojn por veturo kaj vojaĝo; kio, cetere, ankoraŭ estis multe pli facila por mi, pro afabla invito, vere oportuna de D-ro Herrero, akompani lin en lia aŭtomobilo.

Laŭ tio, matene en la ĵaŭdo 24an de Julio, komforte mi sidis malantaŭ nia kara Prezidanto, kiu, apud sia edzino --la simpatia S-ino Pilar-- firme tenis la direktilon de sia *kvaro-kvaro* (*), kondukante ĝin sekure je modera marŝo, por povi senĝene rigardi la luman pejzaĝon, kiu ambaŭflanke de la ŝoseo montriĝas.

La silueto de monumentoj kaj turoj, dise starantaj, kiel ŝtonaj stangoj, inter la domaro de la granda urbo, restas dorse kun konturo pli kaj pli nebula. Tuj sekvas zorge kulturitaj kampoj, ornamitaj per la varia koloro de ĉiuspecaj legomoj, aŭ per la verdaj volboj de graciaj oranĝarboj, kiuj, kvazaŭ ombreloj el folioj, simetrie lokitaj, ŝajnigas turnojn de danco, en fantazia baledo, laŭ takto de nia kuro, preter la natura scenejo de longa ebenaĵo, transformita --fare de intensa plugado dum jarcentoj-- en ĝardeno, fendita nun de griza vojo, kiun daŭre trairas tien kaj reen kamionoj kaj aŭtoj, motocikloj kaj bicikloj aŭ... la anakronismo de kamparanaj ĉaroj, tiratаj de humilaj ĉevaloj.

De tempo al tempo, la mirinda tapiŝo el verdaĵo estas borderita de la maro, dekstre, kaj de montoĉeno, maldekstre. Ankaŭ, foje, la horizonto malvastiĝas --jen, denove, anakronismo!-- ĉar la gudrita ŝoseo reduktiĝas je la striktaj limoj de ĉefa strato de pura kaj gaja --ho, jes, tre gaja!-- vilaĝo, kun senmakule blankaj muroj, kalkitaj aŭ ceramike tegitaj.

Kaj, por pligravigi la ĉirkaŭan belecon, la Historio avertas pri atentindaj epizodoj

(*) Popular nomo por enlande norme fabrikitaj aŭtomobiloj, kun kvar ĉevalpovoj kaj kvar sidlokoj.



tie kaj ĉi tie okazintaj: Jen do sur altano, fronte al du izolaj egalaj montetoj, karese alnomataj la *Du Fratinetoj*, la impona maso de la Monaĥejo de l' Puig (elp. Puĝ) fondita de reĝo Jakobo, la I.ª, kiel memoraĵo pri la loko, kie li kampadis en 1238, ĝis plena konkero de Valencio, tiam fama araba centro, kiu fariĝis tuj poste ĉefurbo de grava sendependa regno kristana, en la Aragona Konfederacio.

Jen do ankaŭ, sur rokegoj de najbara monto, la kreneloj en ruinoj de la kastelo de Sagunto, iama greka kolonio, fokuso de kulturo kaj civilizo, kies civitanoj, en la jaro 219ª antaŭ Kristo, tre heroe suferis teruran sieĝon de Hanibal, la plej lerta generalo de Kartago; kaj, ne povante plu rezisti, sen akvo nek manĝo, post naŭ monatoj, ili preferis cindrigi sian urbon, kaj mem perei batalante, anstataŭ kapitulaci al drakonaj kondiĉoj, hontigante tiel la dignon de Romo, la tiutempa imperia potenco, al kies protekto ili fidis...

Nun, la moderna Sagunto, relikvo de la antikveco, estas influa industria faktoro, pro siaj altaj unuarangaj fandfornegoj.

Sen akceloj nek paŭzoj, daŭras la marŝo tra la ega kanvaso, kie grandiozaj brodaĵoj estas tiuj arte flegitaj kampoj, tiuj blankaj vilaĝoj kaj tiuj historiaj lokoj, kiuj, norde de la Valencia regiono, signas la vojon ĝis Castellon, la celita urbo, en kies unuajn stratojn preskaŭ ne atendite ĵus ni eniris.

Ekde tiu momento, oni plene apartenas jam al la gastama loĝantaro, kiu, sen falsaj komplimentoj, sincere sin manifestas per la kutimaj agoj de sia ordinara vivo. Ĉar antaŭtago de festotago, regas vígleco en magazenoj kaj butikoj --morgaŭ ili estos fermitaj--. La mastrinoj marĉandas kaj aĉetas artiklojn, precipe nutraĵojn, kiuj trovas gardon en konvenaj korboj; ankaŭ estas videblaj multe da anasoj kaj kunikloj, ĉemane portataj. Tion pli rekte mi povas observi, ĉar la aŭtomobilo haltis ĝuste apud la ĉefa vendejo en halo, kiu okupas tutan flankon de la centra placo. Ĉe alia flanko, kun arkadoj, situas la Urbodomo, fronte al la aĵure ĉizita gotikaĵo de la Ĉefpreĝejo de Sankta Maria; en angulo staras ruĝeta solida turo, kun sonoriloj, popularа emblemo de la urbo; meze de la placo, ronda fontano alten ŝprucigas akvon, kiu, tinkturante sin per la sunaj reflektoj, kaskade falas kaj arte defluas tra plataj ajutoj de marmora tasego, kien svarmo da kolomboj alflugas por trinki. En la turisma kontoro, deĵoranta oficistino, tre ĉarma --en reklamilo logu la kovrilo!-- donas lastajn informojn pri frue venintaj kongresanoj, kiuj, kredeble, serĉas nun sian hotelon, gape vagas tra la urbo aŭ sin plezure banas en la marbordo.

Rapidaj telefonaj vokoj, kun trafaj *ordonoj*, efikas ĉe la Organiza Komitato kiel ŝtono abrupte falinta sur lagon... Tie mem, sub arkado en la portalo, okazas la unuaj kontaktoj kun la gvida stabo: Jen unue, plej diligente, la aroga moŝtindeco de S-ro A. Jiménez Mora, la maltima Prezidanto, por kiu la epiteto kongruas (tio estu dirite interparenteze) ĉar li estas emerita kolonelo, korpe fortika, *serioze* ŝercema, kun sporta aspekto de usona senatano. Tuj poste alestas S-ro Batiste Jornet, la agema Sekretario, kiu, malgraŭ ŝajno de ordinara laborulo, estas vivanta enciklopedio: radio-teknikisto, eksperto pri teksarto, desegnisto, fotografisto k. t. p. Ankaŭ venas la juna, diketa kaj pacema S-ro H. Aguilella, profitante paŭzon en la anonima, grava kaj plej ĝena tasko en ĉiu kongreso: ope *distribui* kontentige gesamideanojn al hoteloj kaj pensionoj.

Planke, en la vestiblo de la Urbodomo, flanke de la granda ŝtuparo, oni instalas la Akceptejon, kiun, kune kun mia valizo kaj teko --ankoraŭ mi estas *senhejmulo!*-- volonte mi akceptas prideĵori, por eventualaj aferoj, ĝis la horo anoncita --7.ª posttagmeze-- por disdono de la dokumentaro. Frape videbla afiŝo ĉe la pordo tiele altiras la atenton, ke multaj preterpasantoj eniras kaj petas informojn, kiujn kompleze mi donas. Eĉ al la pedeloj kaj urbaj policanoj mi klarigas skize gramatikajn regulojn, en speco de konciza kurso. Krome, la deĵoro estas trankvila; ĝardenistoj ornamas la ejon per dikaj vazoj kun plantoj. Tagmeza suno forte premas; la vasta placo iom post iom iĝas dezerta, silenta; la kolomboj rifuĝis en la kornicojn; la loĝantaro siestas; verŝajne, ankaŭ la *nevidebla* kongresanaro.



En dua angulo de la vestiblo, kiel sola kunulo, policano sidas kaj ekdormetas; iel mi emas lin imiti, lulata de iu monotona malproksima ĉirpo de cikado...

—

Sed, kiel subita ŝanĝiĝo de dekoracio, sur reala sceno, la marasmo krevis, en eksplodo de dinamiko, kiam horloĝoj anoncis, ke estas jam tempo por inaŭguri la Akceptejon, preni la dokumentaron kaj kroĉi sur jakojn aŭ bluzojn la insignon, kiu atestos pri efektiva kongresaneco.

Grupoj da gesamideanoj venas kaj alvenas; la vestiblo pleniĝas. Estas do necese viciĝi por orde iri ĝis la tablo, kie, anstataŭinte min, postenas la veraj respondeculoj. Libera nun je ĉia oficiala zorgo, mi povas *zigzagi* tra la vicoj por saluti, per manoj sinceraj kaj brakoj malfermaj, tiom multe da karaj konatoj, fidele venintaj, unu fojon pli, jaron post jaro, al la ŝatata rendevuo: Jen nia fama oratoro D-ro Solá, kun sia nerva rideto, apud la severa --ĉiam digna-- teniĝo de S-ro J. Ventura kaj la demandemaj gestoj de S-ro Olivé; jen tie la sinteno de S-ro Alsina, en kontrasto kun la elegantaj manieroj de nia akademiano Prof. D. Dalmau kaj la baska senĝeneco de S-ro Otaola kaj S-ro Apraiz, kiuj, kune kun S-ro Palacios, reprezentas la rondon de Bilbao, la norda fortika bastiono.

La nemankipova S-ro Dario Rodríguez portas la aeron de Madrido, same kiel alia konstantulo, S-ro Adolfo Nunes, disradias la efluvojn de Lisbono, la portugala ĉefurbo, kie tiom da bonaj geamikoj spirite partoprenas nían ĝojon. La veterano S-ro Máñez, la rapsodo S-ro Vilá, la patriarko S-ro Flaquer, jen tri nomoj, inter multaj kaj multaj, kun apartaj karakterizaĵoj, kiuj liveras ideon pri unueca varieco. La vidvinoj de karmemoraj S-roj I. Alvarez kaj Ismael Roca ankoraŭ kongrese fidelas al ili. Ges-roj Gumá kaj Moya, ekster aliaj konsideroj, estas hazarde sed *fake* menciitaj, kiel feliĉaj gepatroj de unu filo kaj du filinoj, respektive, por simbole kvalifiki la intimajn kvalitojn de nia landa kolektivo, omaĝe al tiuj kompletaj familioj, sufiĉe nombraj, ĉiujare venintaj, kies idoj apenaŭ estis burĝonoj, en la unua postmilita kongreso de Tarrasa, antaŭ sep jaroj, kaj nun estas knaboj elaste kreskaj, kiel branĉoj de sana frakseno, aŭ knabinoj logaj, kiel la pipra bonodoro de ruĝaj diantoj. Ili estu garantio de kontinueco!

La insigno, kiel valora ordeno, montriĝas publike; la Kongreso komenciĝis! En la vestiblo de la Urbodomo, oni dokumentas, sed meze de la placo oni komentas, en disaj starantaj grupoj. Ŝajnas, ke la Interkona Kunveno anticipe disvolviĝas...

Kiel bando da paseroj en grenejon, ĝojbrue ekvenas en la improvizitan forumon multenombra aro da gesamideanoj el Cheste, la konata vilaĝo, kiuj, kun grupeto da valencianoj, jus desaltis de la lasta vagonaro. En ĉi tiu nova alfluo abundas junaj belulinoj, kiuj, cetere, kiel fortaj kamparaninoj, kuraĝe tenas siajn valizojn kaj rapide akiras la dokumentaron, krom la necesajn informojn pri loĝado. Tial, ke ankoraŭ mi ne solvis tiun problemon, mi profitas la okazon por kuniri, ariergarde de brava avangardo, ĝis preta kvaretaĝa pensiono --ŝajne jam lasta rezervo-- kiun komplete ni invadas kaj okupas. Tre pura ĉambreto kun du litoj angulas al du larĝaj stratoj, tute facile rigardeblaj tra du koketaj fenestroj.

Ĉi tiun duecon kompletigas mi kaj S-ro J. Palanca, el la Valencia rondo, kiu, krom ege fervora verdstelulo, estas same fervora subakvisto aŭ *rano-homo*, el tiuj, kiuj ŝatas akompani la fiŝojn en ilia propra elemento. Preta al praktikaj ekzercoj, se eble, inter debatoj kaj ekskursoj, S-ro Palanca venis ekipita --kvazaŭ por esplori la fundon de la Mediteraneo-- per plej diversaj iloj: kaŭĉukaj maskoj kun okulvitroj, spir-stangoj, naĝiloj k. t. p. kiuj, fakKerte lokitaj, dekoras la ĉambron, kiel kajuton de sciencisto. Lavado kaj eta ripozo sekvas, ĝis vigla trafiko en la koridoroj anoncas, ke la manĝejo vokas por la vespermanĝo, kiel necesa premiso por plej oportune alesti kaj festi en la

**INTERKONA KUNVENO**

Ambaŭflanke de aleo-promenejo, proksime de la statuo de pentristo Ribalta, en la densa parko, kiu havas lian nomon, oni daŭrigas, ĉirkaŭ tabloj, la babilojn posttagmeze komencitajn en la granda placo.



Salutoj saltas de tablo al tablo, ofte interrompante seriozajn konversaciojn, kvazaŭ la devizo de ĉi tiu senceremonia kunveno nepre estus: For la seriozeco! La gejunuloj, en rimarkinda nombro, fariĝis mastroj de la situacio kaj trudas siajn preferojn, en formo de ŝercoj kaj spritaĵoj.

Kuriozan kvaropon konsistigas kvar fraŭlinetoj el Moyá --sidejo de niaj kursoj per korespondado-- kiujn galante mi alnomis la *kvar gracioj*, pro tio, ke ili ĉiam estis kunaj. Akorde kun la ceteraj knabinoj, eskortataj de diligentaj *kavaliroj*, oni agrable junigas ĉies humorojn. Eĉ en la nokto de sia blindeco, S-ro J. Ezquerra, supera estro de la Blindula Nacia Organizo, plaĉe ridas, ĉar li konscias, ke ankaŭ ekzistas tre helaj koloroj, simboloj de la juneco.

Sed, jam estas malfrua nokto, solaj ni restas en la parko, kiu, ekster la luma tereno, kie ni troviĝas, mistere aspektas en la mallumo, kiel magia ĝardeno kun arboj fortikaj, kies folioj susuras kaj flustras.

Endas do disiĝo --provizora disiĝo-- ĝis *poste*, kiel oni ŝerce diras, en diseriĝintaj grupoj, hejmen irantaj, serĉe al dormo.

## VENDREDE — 25. JULIO

Unu fojon pli, en la kalendaro de niaj kongresoj, troviĝas la dato, kiun Hispanio dediĉas al sia patrono, la Sankta apostolo Jakobo, je kies honoro oni ferias en la tuta lando. Castellon ne estas escepto; en la mateno preskaŭ ne ekzistas trafiko sur la stratoj, ĉar la familioj ŝatas pasigi la tempon de ĉi tiu ekstra dimanĉo eksterurbe, en la kvieteco de kampdometoj, valencilingve nomataj *masets*. La fermitaj butikoj logas per bone aranĝitaj montrofenestroj, kies kristaloj --kun nia afiŝo-- spegulas la bildon de ope preterpaŝantaj kongresanoj, ĉiuj en sama direkto al

### LA SANKTA MESO

Impona ĵus riparita gotika monumento estas la Ĉefpreĝejo de Sankta Maria; interne, antaŭ la ĉefa altaro, la esperantistoj staras, sidas aŭ genuas, laŭ ritaj postuloj de la solenaĵo, sub la ŝvebantaj sonoj de la orgeno. En la predikejo ekaperas la svelta figuro --ege kara kaj ege konata-- de NIA Pastro J. Casanova, kies nomo estas beno por la nomo de ĉiuj hispanaj postmilitaj kongresoj, senescepte. En la vasta navo, kun senornamaj muroj, lia voĉo instruas kaj admonas, ke fakta kompreno devas regi inter homoj ĉiulandaj, kun moralaj normoj, kiel tiuj mem, kiujn Esperanto oferas, ne sen aprobo de plej superaj instancoj de la Eklezio. Ĉe la fino de lia prediko, kiel specialaj aplaŭdoj, neniel aŭdeblaj, tuj ekflagras la flametoj de ĉiuj kandeloj, mistike interpretante la sentojn de la aŭskultantoj, silente elirantaj.

Ekstere, en la placo, revigliĝas la ĝojbrua animstato: la ĉielo bluas, la kolomboj flugas aŭ alteriĝas, rukulas aŭ kveras, laŭ takto de konversacioj kaj babiloj, ĝis klakoj vokas al kolektiĝo, sur oportuna perono de najbara ĝardeno, por la

### KOLEKTIVA FOTOGRAFADO

La amaso tie lokiĝas, en harmonia grupego, kie la gajaj koloroj de virinaj vestaĵoj ŝajnas flagetoj sur la verda ekrano de la fono. Ĉiu deziras adekvate pozi, por bele aspekti; la fotografisto, ĉirkaŭata de amatoroj, faras indikojn kaj gestojn por plej trafa teniĝo. Kaj nun, jen... nur... Ho, bonvolu resti! Ankoraŭ unu momenton!

Oni obeas; eĉ la spiro preskaŭ haltas... Fine, la komplimenta vorteto *Dankon!* forblovas la figurantojn de tiu bildo. jam eternigita. Oni tamen ne devas disiĝi, ĉar la programo indikas, ke tuj sekvos la

### AKCEPTO EN LA URBODOMO
### SOLENA MALFERMO

De la vestiblo, kie hieraŭ funkciis la Akceptejo, oni venas ĝis granda ŝtuparo; hodiaŭ ĝin ŝtopas la kongresanoj, supren irantaj, preter muroj arte dekoritaj per freskoj, al la bela Honora Salono, plej distinginda solenejo, kiun plene okupas la esperantistoj, sidantaj antaŭ la estrado, en kies centra fotelo estas la urbestro, ambaŭflanke akompanata de ĉiuj ceteraj urbaj aŭtoritatoj: civilaj, militistaj kaj ekleziaj. Dekstre, apud la urbestro, sidas D-ro Herrero, Prezidanto de la Federacio,

**«Castellon estas urbo malgranda kaj modesta. Nia popolo konsistas grandparte el pacamaj plugistoj, sen pretendemo al grandiozeco. Ilia komforto estas frukto de ilia laboro. Tial, mi esperas plenfide, ke, inter ni, vi trovos, krom koran akcepton, sinceran komprenon por viaj honestaj principoj».** El la saluto de Lia Moŝto, la Urbestro de Castellon, **S-ro José Ferrer Forns.**



La Urbestro de Castellon salutas la kongresanojn dum la Solena Malfermo, en la Urbodomo.

Pastro Casanova kaj S-ro Jiménez Mora.

Kiel komenco, omaĝe al ni, intervenas la «Coral Polifónica», ĥora grupiĝo, kies konsistigantoj --viroj kaj virinoj, en tipaj kostumoj-- okupas ekstremon de la salono. Post enkondukaj vortoj de la direktisto, S-ro J. Sanmillan, ni estis regalataj per tri vere ĉarmaj melodioj, majstre kaj verve kantataj: religia peco, en latina lingvo; madrigalo, en kastila (la oficiala hispana lingvo) kaj urba folklora kanzono, en valencia lingvo. Jen lerta kombino, en kiu estis reprezentataj la iama internacia, la nacia kaj la regiona lingvoj, laŭ muzika harmonio. Kompreneble, oni tre plezure aŭskultis kaj oni malŝpare aplaŭdis.

Tuj poste sekvas la oficiala parto. S-ro Jiménez Mora, per trafaj vortoj, en lerta kombino de saĝo kaj sprito, emfazas la rolon, kiun Esperanto ludas en la nuna tempo, kiel taŭga ligilo, inter popoloj kaj landoj. Fine, li reliefigas la personecon de D-ro Herrero, kiu leviĝas de la fotelo, por laŭtigi saluton de la hispana esperantistaro, ĉar, antaŭ dek-unu jaroj, rondeto da samideanoj redaktis ĉi tie, kie ili oficis, tiun regularon, kiu, jam aprobita de la Registaro, estis leĝa fundamento por la Federacio, pli poste fondita en Valencio, kien la iniciatoroj devis translokiĝi.

D-ro Herrero rememorigas emocie la fratan helpon, kiun Castellon donis rapide, senlime, senkondiĉe... al Valencio, en la teruraj tagoj de la pasintjara inundo; nia Prezidanto prikantas elokvente la belaĵojn kaj virtojn de la urbo, kiu nin gastigas, kie la edeno de ĝiaj oranĝarbaroj, kun abunda rikolto de parfumaj sukoplenaj fruktoj --flavruĝaj sferoj, frande ŝatataj eksterlande-- liveras ĉiujare al la nacia ekonomio plej valorajn devizojn. Dankaj komplimentoj, pro la favora akcepto, kiun ni ĉiuj ricevas, estas inda broĉo, aplaŭde kroĉita, por lia bela parolado.

Nun staras la urbestro, S-ro J. Ferrer Forns, kiu, en fidema rideto, konfesas sian embarason ne povi multon diri, post la antaŭaj oratoraĵoj, modeloj de parolarto. Li akcentas la modestecon de Castellon, kiu, sen vanta pretendemo, kiel decas al honestaj plugistoj, scias intense prilabori siajn bedojn, kvankam ankaŭ plej bonvole gastigi ĉiujn manifestadojn de Arto, kaj Kulturo en nobla konkuro. «Estu bonvenaj --li diras-- neniu el vi estos ĉi tie forano, sed samurbano, samcelano en la strebado al komuneco de idealoj, por la regado de konkordo kaj paco, kiel bazo de efektiva feliĉo, kun la graco de Dio, por gardi amon al la tuta homaro kaj al la propra lando, propra hejmo. Estas, do, malfermita la 19a Hispana Kongreso de Esperanto!»

Tondra aplaŭdado sigelas la vortojn. Kvazaŭ fluso en tajdo, altiĝas la nivelo de la kongresanaro, ĉar oni leviĝas de la seĝoj kaj dense okupas apudajn salonojn, kie longaj tabloj, abunde provizitaj per frandaĵoj kaj likvoroj, invitas regali la palatojn, post kiam ĉarmaj kanzonoj kaj plaĉaj diskursoj regalis la orelojn. Gaja vigleco regas ĉie; eĉ en saloneto de la aŭtoritatoj, oni amike interbabilas; mi profitas la okazon de tiu ĝenerala ĉeesto, por ordigi la posttagmezajn internajn kunvenojn.



Denove, stratoj kaj placoj fariĝas promenejoj. Restas sufiĉe da tempo libera, por tagmanĝo kaj ripozo. Tamen... tio ne koncernas ĉiujn, ĉar --jen *privilegio!*-- la *gravuloj*, t. e. la reprezentantoj de grupoj, nepre devas rendevui, post du horoj, en la

**PRIVATA KUNVENO**

En avenuo, preskaŭ najbare al la brika arabstila Poŝtoficejo, kuŝas la Instituto de Meza Instruado, novklasika konstruaĵo, preta je nia dispono, kiel Kongresejo.

Je la horo anoncita --kvara posttagmeze-- kunvenas tie, en teretaĝa lernoĉambro, delegitoj de grupoj kaj kelkaj izoluloj, kiuj, kvazaŭ reduktita parlamento, studos, pli detale ol'en ampleksa kunsido, plej gravajn punktojn de la tagordo. Oni amike diskutas pri ĉio, kio funde koncernas la interesojn de la Federacio; unue, oni traktas pri la bedaŭrinda fakto, ke, post la kursoj, granda nombro da gelernantoj forlasas niajn vicojn. Krome, la novaj elementoj, kiuj aliĝas al la grupoj, ne aliĝas al la Federacio, kiu, pro tio, ne kreskas kaj eĉ iel stagnas. Oni sugestas kaj proponas diversajn rimedojn por varbi membrojn; atente oni studas la ideon de S-ro M. Rodríguez, el Madrido, donaci ekzempleron de la eksterordinara kongresnumero de BOLETIN al ĉiu bona elemento de la grupoj, kiu ankoraŭ ne estas membro de la nacia organizo. Ankaŭ meritis atenton aliaj proponoj: speciala membreco, kun malalta kotizo, por la gelernantoj; kolektiva aliĝo de ili, kies kotizon pagos la grupoj k. t. p. Cetere, por helpi la kampanjon, oni sugestas eldoni varbnumeron de la bulteno, kun sole nur hispanlingva teksto, aŭ alia simpla folio, kiu devus pli aŭ malpli regule aperi, en la spaco inter la dumonataj ordinaraj numeroj.

Kompreneble, oni ne povas fari konkretajn decidojn, sed almenaŭ oni ricevas ĝustajn konceptojn pri la problemoj. Alia tikla afero, kiun mi mem enkondukas, estas la eldonado de BOLETIN, ĉiam aktuala kaj ĝena demando, pro daŭraj postuloj de la presisto, kiu, apogante sin sur la ĝenerala plialtiĝo de la prezoj, ankaŭ petas sian parton, kio pezos en nia budĝeto, same kiel se ni eldonus la gazeton ĉiumonate. Jen problemo malfacile solvebla, vundo ĉiam sangadanta en niaj financoj, ekster la multaj ĝenoj, kiujn la redaktado liveras. Unu ebla solvo povus esti la translokiĝo de la bultena aranĝo al La Laguna, en la Kanariaj Insuloj, se nia kompetenta S-ano S-ro J. Régulo Pérez volus akcepti la redaktorecon kaj la presadon, en la sama presejo, kie oni prilaboras la bonegajn volumojn de lia famkonata «Stafeto». Tre klare oni vidas multe da avantaĝoj --eĉ materiaj kaj teknikaj-- en la okazo, ke la ideo iĝus efektiva. Oni do volonte aprobas fari tiurilate la necesajn demarŝojn.

Tiel plene, oni fordonis al la diskutado, ke neniu konsciis pri la paso de l' tempo. Sed avertas pri tio la amaso, kiu troviĝas ekstere, atendante la gvidantojn, por pli rekta agado kaj aktiva interveno en la

**MALFERMA KUNSIDO**

En la unua etaĝo troviĝas la Aŭlo, luksa solenejo de la Instituto; fronte al la podio, la kongresanoj komforte sidas kaj plaĉe rigardas la artajn alegoriojn de la tapetitaj muroj, ĝis la estraranoj okupas la prezidejon. Apud ili, mi rolas kiel direktanto aŭ reĝisoro de la ceremonio.

S-ro Jiménez Mora salutas enkonduke kaj donas la prezidantecon al D-ro Herrero, kiu sin turnas al la aŭdantaro per instige stimulaj frazoj. Kiel unua oficiala ĝentilaĵo, oni aprobas aklame sendi saluttelegramon al la Ŝtatestro kaj al la urbestroj de Madrido kaj Toledo, kie pasintjare ni ĝuis afablecon. Tiel ni pruvos al ili, ke niaj kongresoj ne estas efemeraj banalaĵoj, sed daŭraj senhaltaj atestoj pri nia ekzisto kaj persisto. Por gvidi kaj protokoli la debatojn, estas elektataj S-ro S. Gumá, la modesta kompetentulo, kaj S-ro A. Santacana, la dinamika junulo.

La prezidanto invitas, ke delegitoj de grupoj, aŭ reprezentantoj de urboj, venu en la tribunon, tute libere, sen ia antaŭpreparo, por mallonge saluti. Unu post alia, en tre bonorda sinsekvo, pli aŭ malpli konataj samideanoj, embarase aŭ emocie, aplombe aŭ senafekte, elverŝas sian koron kaj aŭskultas aplaŭdojn, kiuj aparte



delikate tuj resonis, kiam parolis F-ino A. Desolmes, ĉarma lernantino, S-ino V. Bueno, modelo de plej delikata virineco, kaj Pastro Casanova, kiu, ne jam en eklezia predikejo, povis *gustumi*, kiel iu ajn ordinara kongresano, la entuziasman kaj bruan klakon de samideanaj manoj.

Nome de la eksterlandanoj, salutas tri karaj amikoj: S-ro A. Nunes, portugalo; S-ro G. Lenaers, flandro, kaj S-ro J. Peltié, franco. Poste venas mia vico; antaŭ staplo da telegramoj, leteroj kaj poŝtkartoj, mi staras kaj resume legas ilin; ĉiu nomo --de grava organizo aŭ de simpla izolulo-- ricevas salvon de aplaŭdoj, ĉar, spite politikajn barierojn aŭ konvenciajn kurtenojn, ĉi tiuj freŝaj salutoj venas al ni de ĉiuj punktoj de la mondo, kvazaŭ por deklari, kiel poste mi emfazas, dum eta kompilo, ke, en la angora konfuzo de nia epoko, kiam senbride regas plej triviala materialismo, la esperantistoj --modernaj titanoj-- fieras esti kaj sin nomi idealistoj...

Lastajn vibrojn de la elvokita emocio D-ro Herrero scias kapti, por nodi al ili la oran fadenon de sia resuma diskurso:

Analizante la disvolviĝon de la hispana esperantismo, li asertas, ke, malgraŭ akumuliĝintaj malfacilaĵoj, la stato de nia landa Movado estas sufiĉe kontentiga. Oni devas mencii du faktojn: Unue, la eldono de la utila verko de nia bona amiko L. Mimó «Lernolibro de Esperanto», kiu liveros al la hispanlingva samideanaro multon el la sperto, kiun tiel kompetente posedas la aŭtoro, rilate la instruadon. Due, S-ro Alfredo Villa, la nelacigebla pioniro el Gijón, eldonis broŝuron kun la teksto de sia kontribuo al Portugala-Hispana Kongreso pri Sciencoj en Coimbra, laŭ raporto «Sistemo de akordaj unuoj» kiun li resume esperantigis kaj aperigis en la dirita broŝuro, montrante tiel la veran vojon al fakuloj kaj sciencistoj.

Akorde kun tre konataj versoj, ni semas kaj semas. Fruktoj de tiu pionira laborado estas la rondoj, kiuj fondiĝas en lokoj, kie antaŭe nia Movado ne estis konata. Niaj rilatoj kun U. E. A. bonorde fartas, dank' al la trafaj servoj de S-ro R. Molera, kiu, pasintjare transprenis la nacian ĉefdelegitecon de la internacia organizo. D-ro Herrero raportas pri sia agado, kiel komitatano de U. E. A. nome de la Federacio, kvankam bedaŭrinde li ankoraŭ ne havis eblecon persone partopreni en komitataj kunvenoj. Esperenble, tio povos efektiviĝi en oportuna okazo.

Studante la disvolviĝon de nia Movado en eksterlando, li diras, ke estas vere rimarkinda la progreso, kiun Esperanto akiras en la orienteŭropaj landoj, kio, kontribuante al la universaleco de nia lingvo, ankaŭ devigas nin pli intense labori, por ekvilibrigi fortojn kaj forigi suspektojn. Estas kurioze, ke, enlande, ankaŭ ni devas harmoniigi la interesojn de la Federacio kun tiuj de la kluboj, por ke ili kunordigu sin reciproke, ĉar oni ne forgesu, ke, se la lokaj grupoj estas kerno, la landa asocio estas flago, ŝildo kaj laŭtparolilo, por povi oficiale paradi kaj pledi, pri niaj lingvaj idealoj, antaŭ la superaj ŝtataj instancoj. Tiucele, do, niaj laborkunsidoj estu fruktodonaj kaj efikaj.

Atente kaj silente aŭskultata, ĉi tiu elokventa resumo de la Prezidanto ricevis ĉe la fino bruan aplaŭdadon, kio cetere ja signifis aprobon. Post mensa aktiveco, plaĉas spirita kvieteco. Al tio invitas tuj sekve, laŭ fluo de la programo, la

### PRELEGO DE PROF. DELFI DALMAU

D-ro Solá, per bele ĉizitaj vortoj, faras la prezenton de nia akademiano, kiu, en sia kutima flegmo, ne kontraŭa al variaj akcentoj, en la tembro de lia klara voĉo, ekstaras, malantaŭ tableto en la tribuno, por lekcii, en tre agrabla disertacio, pri kelkaj sociaj aspektoj de nia lingvistiko.

Li komencas avertante, ke kontraŭ ni estas grandaj fortoj, kiujn ni ne devas ignori, se ni volas efike batali por venki ilin. Pro rutino kaj inerto, oni daŭre lernas aŭ oni pretendas *lerni* fremdajn lingvojn, ĉar anoncoj pri postenoj aŭ oficoj postulas konon de tiuj lingvoj. Hoteloj kaj vendejoj afiŝas *scion* pri plurlingveco. Do: rutino, inerto kaj reklamado por naciaj lingvoj, kun silentego pri Esperanto,


Prof. D. DALMAU

ekster niaj propraj rondoj, vualas nian ideon. Intelektuloj kaj komercistoj, kiuj ne lernis Esperanton, pravigas sian konduton, imagante kaj nomante la internacian lingvon utopio aŭ roboto. Kelkaj eminentuloj, nur escepte ĝin lernintaj, timas ridindiĝi sin, se ili diras la veron pri tiu «universala lingvo, kiun neniu parolas». Tial, ministroj kaj ĉefministroj, kvankam konsciaj pri la valoro de nia lingvo, ne kuraĝas enkonduki ĝin oficiale, lasante sole al ni la treege pezan taskon kreadi publikan opinion, vaste kaj larĝe favora por Esperanto. Laŭ tio, ni devas senĉese strebadi por atingi kvantan kaj kvalitan forton, sen kio sukceso ne eblas. Zamenhof mem ne estis naiva pri la povo de forto, ĉar ofte li emfazis: «Kiu havas forton, havas rajton!»; «Kiam forto ordonas, leĝo pardonas» k. t. p. Nu, estu ni persistaj, ni daŭre varbu kaj perfektiĝu. Ni venku eĉ fonetikajn malfacilaĵojn por elparoli, kiel eble plej korekte, nian komunan komprenilon. Eĉ la nacian kaj gepatran lingvon ni ellernu plej profunde, por nete diferencigi ĝin de la internacia; por ambaŭ pleje regi, kaj tiel pli rajte, pli prave, pli forte imponi por Esperanto, antaŭ la skeptika mondo. Oportunaj ekzemploj, rilataj al la asertoj de la oratoro, spicis lian paroladon, kiun li finis iom *militeme*, memorigante, ke batalado estas signo de vivo; eĉ vortoj batalas: la latindevena *sastre* venkis la arabdevenan *alfayate*, en la hispana lingvo. Kolomboj, simbolo de paco kaj amo: *kolombumi* = *amindumi*, interbatalas por manĝo kaj nesto. Ni dece batalu do por nobla celo!

La mensoj komprenis, kion la oreloj aŭskultis; la manoj aplaŭdis kaj la buŝoj gratulis, malgraŭ la naturaj rimarkoj de privataj konsideroj, pri kiuj oni stare diskutas, dum la personaro eliras, serĉante la freŝecon de l' vespero, en promena irado, sur glataj trotuaroj kondukantaj al konkreta: celo manĝi kaj ripozi, se ripozo estas daŭrigi konversaciojn pri kongresaj temoj, ĉirkaŭ lignaj tabloj de restoracio

Poste, ĝis malfrua nokto, la samideanaro okupas strategiajn lokojn, ĉiam sub libera ĉielo, en eksterejo de kafejo, en benkoj de la parko aŭ en seĝoj de somera kinejo. Oni rajtas ja trankvile *digesti* la remaĉitan programon de la unua festado...

## SABATE — 26. JULIO

La oraj pingloj de frumatenaj sunradioj traboras la punton de kurtenetoj, ĉe la koketaj fenestroj. Aŭroro vokas al vekiĝo! Ankoraŭ kun palpebroj duondormaj, mi ekrigardas iom surprize al la muro, kie, kvazaŭ polinezia fetiĉo, sfinksas la kaŭĉuka naĝmasko de amiko Palanca, mia ĉambrokunulo, kiu --vigla sportisto-- jam ellitiĝis kaj gimnastikas. Baldaŭ mi estas preta jam por la taskoj de la nova tago, kies komenco ekskluzive apartenas al la

### EKSKURSO AL VALL DE UXÓ

#### VIZITO AL LA ŜUFABRIKO «SEGARRA»

Fronte al la Kongresejo, tri aŭtobusoj atendas la ekskursantojn, kiuj ade alvenas kaj bonorde sin akomodas en la sidlokoj. Je la unua komando, la ŝoforoj postenas, la radoj ekturnas kaj la karavano gaje startas en sudokcidenta direkto.

Jam ekster la urbo, la ŝoseo serpentumas inter montoj, kies deklivoj terase aranĝitaj, kiel grandegaj ŝtupoj. reflje atestas pri obstina laboremo de l' homoj, eĉ en la montaj spacoj, kie, ĉar irigacio ne eblas, nur la pluvo povas sensoifigi la teron de tiuj kampoj, kiuj tamen aspektas kiel ĝardenoj: karobarboj, kun siaj plataj brunaj fruktoj, najbaras al olivarboj kun grizeverdaj folietoj, en branĉoj ŝarĝitaj de etaj rondaĵoj, nigre maturiĝontaj, kun molaĵo el oleo, en amika defio al vastaj etendaĵoj da spongeca grundo, kie dense kreskas la vito, tiu biblia planto, kun retorditaj brakoj, de kiuj pendas grapoloj da dikaj beroj, kun dolĉega suko, kiu en Septembro fariĝos mosto kaj vino...

Tiel kaj tiel, tra la sama elizeo, ni venas al la unuaj domoj de la industria urbeto Vall (valo) de Uxó; ili estas plaĉaj vilaoj, kiuj formas kvartalon por laboristoj de la



popularа firmo «Segarra«, plej grava ŝu-fabriko en Hispanio kaj modela entrepreno, kiu invitis nin al vizito. De ekstere, ĝia vastega komplekso estas impona, sed simpla, konkreta. Ĉe la enira korto, unu el la mastroj, S-ro A. Segarra, kun pluraj laborestroj, atendas kaj gvidas nin tra la diversaj sekcioj, kie oni povas plej detale vidi la tutan procedon, por moderna grandkvanta ellaborado de ŝuoj: Lavado kaj tanado de krudaj feloj; ilia transformiĝo en adekvata ledo, same por plandumo forta kiel por kovraĵo delikata. Pezaj maŝinoj kaj facilmovaj iloj norme gladas, stampas kaj alĝustigas ĉiujn partojn de piedvesto, de la kalkamunoj --plataj kaj larĝaj, por viroj, aŭ altaj kaj ŝikaj, por virinoj-- ĝis la rimenoj aŭ ligiloj.

En plej interesaj fakoj, la gvidistoj haltas kaj klarigas; la publiko aŭskultas, dum la samideaninoj --ja virinoj!-- envie rigardas tiom kaj tiom --ĉu ne pli ol unu miliono?-- da koketaj ŝuetoj, kvazaŭ intence faritaj por ili... Sed, ankaŭ vere, eĉ meze de tiu apogeo, oni vive *esperantumas*, ekzemple, de sekcio al sekcio, ekde kruda felo, ĝis precize ellaborita piedvesto, mi ne ĉesis babili kun S-ro J. Ventura pri manieroj kaj formoj oportune recenzi...

La vizito finiĝis en vitrita galerio, kie situas grandega manĝejo por la laboristoj de la fabriko. Tie oni pretigis por ni tagmanĝon, sen garnituroj, sed kun taŭga *balasto*, laŭ pure hejmeca kuirarto. Omaĝe al la ĝentileco de la mastroj, la sonoj de «La Espero», post dankaj salutoj, laŭte vibras plej entuziasme en bona agordo.

Tuj poste, la aŭtobusoj kondukas nin returne al Castellon, kie, apenaŭ desaltinte de la veturiloj, la grupdelegitoj rapidas al la apuda Kongresejo, por la taskoj de la

### DUA PRIVATA KUNVENO

En la sama lernoĉambro, kunsidas la samaj amikoj. Oni poluras la ideojn hieraŭ akceptitajn, kaj oni studas alian punkton: tiun pri la venontjara kongreso. Obeante la principon, ke ĉiujare ni devas kongresi, nepras trovi urbon ankoraŭ ne uzatan por tio. Kompreneble, kvazaŭ en leciono pri geografio, paradas la nomoj de preskaŭ ĉiuj lokoj, kie vivas esperantistoj. Oni venas fine al la konkludo, ke urĝas fari demarŝojn por rendevui ie en Andaluzio, kie nia Movado estas malforta kaj, kie de antaŭ tridek jaroj, ne okazis Esperanto-Kongreso; la Estraro zorgos do tiurilate klopodi. Kaj, kiel trafe oportuna paŭzo en la laboro, vicas nun nova agrablaĵo:

### VIZITO AL LA ANTIKVA KAZINO

En la Meza placo --koro de la urbo-- eleganta kvartalo de bankoj, hoteloj, magazenoj kaj aristokrataj domoj, estas digna komplemento la palaco de l' Antikva Kazino, malnova societo kun tradicia prestiĝo. En la vestiblo akceptas nin ĝia Prezidanto, S-ro A. Alloza, kun aliaj estraranoj, kiuj kompleze gvidas tra la interna pompo de sia klubo. Eĉ gejunuloj, saturitaj de modernismo, ordinare indiferentaj antaŭ *eksmodaj* subtilaĵoj, en mebloj aŭ dekoracio, ne povas ne admiri la elmontrojn de rafinita eleganteco, kiujn oni vidas ĉi tie, je ĉiu paŝo, kiel memorigaĵojn de la distingiĝaj ecoj, kiuj furoris ĉe la altaj klasoj, komence de nia jarcento: marmoraj ŝtuparoj kun veluraj tapiŝoj, statuoj kaj lampoj; intimaj salonetoj tapetitaj per atlaso, inter kanapoj kaj sofoj... Pro influo de l' medio, ankoraŭ nun, la imago revas: Jen buduaro, kie frivole babilis aŭ *mondume* klaĉis sinjorinoj kaj maturaĝaj fraŭlinoj; jen bufedo, kie fumis kaj trinkis sinjoroj, parolante pri negocoj aŭ ĉaso, dum paroj da koketulinoj kaj dandoj, en la granda festsalono, dancis valsojn laŭ graciaj turnoj, kiujn lumigis rebriloj de lustroj kaj fantazie multobligis la glaco de rokoke enkadrigitaj speguloj...

La revado haltas en la ĝardeno. Tie, sub ulmoj kaj palmoj, ĝentile preparita lunĉo kaj fervoraj salutvortoj de S-ro Alloza, sincere reciprokataj, kronas la ĉarmon de la romantika paŭzo, antaŭ ol denove zorgi pri solvendaj problemoj en la

### UNUA LABORKUNSIDO

Refoje, oni sidas en la Aŭlo, sub prezido de S-ro S. Gumá, kiu salutas kaj malfermas decideme la kunvenon.

Rolante kiel raportanto, mi legas la informon de la Estraro, kun konvenaj indikoj pri la sugestoj kaj proponoj faritaj en la privataj kunsidoj de grupdelegitoj.



Longeta diskutado sekvis, precipe en la punkto pri aliĝo de novaj membroj. Oni aprobis klopodi, ke ĉiuj bonaj elementoj de la grupoj estu individuaj membroj de la Federacio, nia tutlanda hejmo.

Ankaŭ ricevis aprobon la raporto pri la Administrado, same kiel tiu pri la Centra Oficejo, kies ĝeneralaj konsideroj estis atente pridiskutataj. Espereble, pro la ŝparoj atingitaj, sekve de la dumonateco de BOLETIN, pliboniĝos la stato de nia budĝeto; sed, pri tio povos konvinke atesti nur la ordinara bilanco, komence de la venonta jaro. Raporto pri BOLETIN vicas en la tagordo, submetante al la ĝenerala juĝantaro miajn proprajn opiniojn pri la redaktado, kiujn oni aprobas, kun la dezir-esprimo plioftigi la aperadon de la gazeto. Mi ne kaŝis la multajn malfacilaĵojn, kiuj baras ĝian kreskon, pro la konstanta plialtiĝo de prezoj. Ekster la financa flanko de la afero, kiu certe estas grava, troviĝas alia ne malpli atentinda: la redaktado kaj korektado de presprovaĵoj, krom specialaj zorgoj dum la presado, kio postulas ja tro multe da valora tempo, kiun tamen volonte mi oferas --ne ĉiam facile!-- el tiu mem, kiun nepre mi bezonas por la privata profesia laboro. Oni atente aŭskultis do la proponon peti al S-ro Régulo Pérez redakti kaj presi la bultenon en La Laguna, kio ŝajne povus ebligi eĉ la eldonadon de kroma informilo en hispana lingvo. Sed pri tio, la kongreso ne kapablas decidi, sed nur akcepti la ideon, kiun oni sciigos al la interesato, por ĝia eventuala efektiviĝo aŭ por studi novajn planojn kaj rimedojn.

En ĉi tiu punkto, la Prezidanto fermas la kunsidon, ĝis morgaŭ --ankoraŭ!-- por doni spacon al la sopire atendata

**PRELEGO DE D-RO M. SOLÁ**

D-ro Herrero skizas la kvalitojn de D-ro Solá, vicprezidanto de la Federacio, artisto de la parolo, kiu scias bele oratori kaj profunde instrui. Kvankam merititaj, tiuj laŭdoj kaŭzas vibrojn de emocio en la voĉo de la preleganto, ĝis sekure li eniras en la implikojn de aktuala temo:

**LINGVA DIVERSECO EN LA EÚROPA UNUECO**

«La lingvo estas ĉefa homa atributo, nepre necesa por vivi en socio. Krome, la socio bezonas la ekziston de morala, ekonomia kaj politika organizo. Ĉi tiu organizo, kiu komence estis tre simpla, funde komplikiĝis lastatempe, kiam la homo sukcesis dresi grandajn fortojn de la Naturo, ĉar la socia prospero paralelas al la teknika progreso. Eŭropo, pioniro de la kristana okcidenta kulturo, portis tiun kulturon al ĉiuj aliaj kontinentoj. Tamen, okaze de la unua granda milito, en 1914, Eŭropo komencis koni dekadencon, kiu daŭris en la terura dua kunflagrado kaj eĉ pligraviĝis poste pro la fakto, ke tiu milita kaj politika povo, kiun iam ĝi posedis, transiris al la du grandaj potencoj, kiuj formiĝis ambaŭflanke de nia malnova kontinento. Estas rimarkinde, ke, interne de tiuj du egaj potencoj, ekzistas nur unu sola komuna lingvo, dum en Eŭropo baraktas ampleksa lingva diverseco. Por iel bremsi la dekadencon, sagacaj politikistoj iniciatis la starigon de iu superŝtato, kiel bazon por la unueco de Eŭropo. Ĉi tiu unueco povus esti speco de federacio, en kiu ĉiuj ŝtatoj estus egalrajtaj. Tial, ke oni ankoraŭ ne sukcesis sur la politika tereno, oni klopodas sukcesi pere de la ekonomio, en la t. n. Komuna Merkato, organizo jam aprobita en la parlamentoj de ses nacioj. Unu el la akceptitaj kondiĉoj estas la libera cirkulado de laboristoj, tra la diversaj aliĝintaj landoj. Sed, la lingva diverseco kaj la malfacileco lerni fremdajn lingvojn forte malhelpas tiun cirkuladon. Por pravigi sian aserton, la oratoro prezentas la fakton, ke hispanoj migras al hispane parolantaj amerikaj landoj, portugaloj al Brazilo, angloj al Kanado kaj Aŭstralio k. t. p. Ĉiam la lingva komuneco gvidas la homon en liaj aventuroj por gajni la panon. En tiu projekto por la eŭropa unueco ne regas unuanimeco, antaŭ la elekto de komuna oficiala lingvo, tial ke ĉiu aparta lando konsideras sin



D-ro M. SOLÁ



ofendita, akceptante la lingvon de alia. Sekve, nur nova *lingua franca*, kiel oni alnomis la lingvon, kiun parolis la kruemilitistoj en la mezepoko, povos doni justan solvon al la grava demando. Tiu *lingua franca* jam ekzistas, ekde antaŭ pli ol sepdek jaroj: Esperanto, kiu, taŭga kaj bela, krom plene elprovita, tute senpartie estas je la dispono de Eŭropo kaj de la tuta mondo, kiel justa logika solvo al nepre solvenda problemo».

Kvazaŭ sorĉe logita, la publiko frandis la belecon de ĉiu frazo kaj la sencon de ĉiu aserto, kelkaj el ili tre kuraĝaj, en tiu supera lekeio pri eŭropeismo, en kiu D-ro Solá majstre uzis klarstile la ĉarman fleksceblecon de nia Esperanto. Ankoraŭ ne estingiĝis la eĥo de l' aplaŭdoj, ankoraŭ daŭris la gratuloj, kiam nova manklakado aklamis saluton de la urba Fest-Komitato, kiun S-ro Batiste Jornet tre laŭte legas, invitante ĉiujn, post la vespermanĝo, al

**KERMESO EN LA PARKO**

Sorĉe iluminita per fluoreskaj lampoj kaj koloraj lampionoj, brilas en la parko kvadrata spaco, borderita de alta laŭbo, kie ĉeestas multenombra publiko, por amuze pasigi ĉi tiun nokton de sabato, en popola medio de balo kaj muziko. Akceptinte la inviton al ili faritan, la kongresanoj venas kaj kunfandiĝas en la vigla amaso; precipe, la gejunuloj ne perdas tempon, kio signifas, ke ili ne ĉesas kadence sin movi popare, laŭ takto de ĝazbando kaj ritmo de melodioj. Sub la laŭbo mem, malantaŭ bariero, trans la dancejo, la pliaĝuloj sidas kaj plaĉe rigardas la ondadon de l' gedancantoj, pli malpli strabe admirante la dekoltaĵojn de la dancantinoj... inter trinko kaj trinko de glaciaĵo. Eĉ en la amuzo ja ne mankis emocio, kiam gesamideanoj intervenis en konkurso. Sed, fino estas por ĉio, ankaŭ por la blovoj de la orkestro kaj por la svarmo de la balo. Estingiĝis la lampoj en la parko; kaj sole nur la stratoj lanternoj lumigas la vojon al hejmo, kie certe oni ĝuos, en fantazia karuselo, kermeson el songoj, dum la ĉasta volupto de l' dormo.

## DIMANĈE — 27. JULIO

La matena trumpetado de la kokoj forblovas la deĵoron de la steloj, anoncante novan tagiĝon, kiu estas ja tagiĝo de dimanĉo. Por pie ĝin inaŭguri, oni rendevuas en ekstrema placo, iom eksterurba, sed facile atingebla, ĉe rekta irejo al la

**KAPELO DE LA VIRGULINO DE LIDON**
**PATRONINO DE LA URBO**

Fine de aleo, kuŝas blanka konstruaĵo, kapelo de la Sankta Virgulino de Lidon (*). La ekstera aspekto de tiu preĝejo iel similas al bone flegata farmdomo. Ebena tereno, antaŭ la fasado, montriĝas kurioze provizita per karakterizaj benkoj. Ĉiu el ili estas rememoriga donaco de kongresoj aŭ renkontiĝoj, okazintaj en Castellon; kelkaj samideanoj sugestas, ĉu ne estus oportune ankaŭ havigi plian benkon, kiel daŭran memorigaĵon pri la nunjara kunveno de la hispana esperantismo.

Interne de la sanktejo, ĝuste pro la simpleco de sia beleco, impone logas la altaro, kie tronas la figuro de la patronino, aŭreole videbla sur pure hela roza fono, artisme dekorita per orlo el fruktoj kaj floroj. Tie, oni celebras meson, kiun la kongresanoj partoprenas, dum la orgeno, kies klavojn ludas nia samideano S-ro Aragay, disaŭdigas delikatajn muzikaĵojn. Post la religia ceremonio, oni promene iras returne tra la aleo, ĝis bela placo, kie okazos oportune akurata kolektiĝo por la

**VIZITO AL LA PROVINCA MUZEO**
**LUNĈO DE LA PROVINCESTRARO**

Valoraj pentraĵoj de famaj pentristoj el la Valencia skolo: Ribalta, Ribera k. a., plus bonaj skulptaĵoj, arkeologiaj restaĵoj kaj aktualaj grafikaĵoj, kun statistikoj, projektoj kaj planoj, konsistigas riĉan kolekton, kiun ni, ĉiuj admiras kaj detale komprenas pro abundaj klarigoj de spertaj fakuloj. Tuj poste, pluan fojon, ni estas plenhonore kaj gastame akceptataj en luksa oficiala salonego, aŭlo de la institucio.

Sen ĝenaj etiketoj, tute familiare, S-ro M. Iranzo, vicprezidanto de la Provinca Deputitaro, kvazaŭ unu kongresano pli, salutas gratulante, ĉar la esperantistoj ne nur turisme paradas, sed plej intense ili

(*) Popola nomo de celtiso (celtis australis) speco de arbo, en kiu ĉi-loke aperis la patronino de la urbo.



laboras, en kunsidoj, aŭ lernas kaj instruas, en prelegoj, kiuj atestas pri la superaj kvalitoj de la Internacia Lingvo. Tial, do, ĉar «bonaj knaboj» ni gajnis rajton al la kukoj kaj delikataĵoj --sukeraj kaj salaj-- kiuj, ne ja nur por ornamo, *vokas* de sur baterio da tabloj, laŭlonge de la salono.

Kaj... sufiĉe dorlotata la materio, decas nutri la spiriton. Bona ŝanco estas por tio la

**MUZIKA KONCERTO EN LA PARKO**

Meze de la parko, en svelta pavilono, kiun ornamas kaj ombras balanciĝantaj branĉoj de najbaraj arbegoj, la urba muzikistaro preparas siajn blovinstrumentojn, por altranga koncerto, honore dediĉita al la Kongreso, kiel tekstas faldita programo, kiun la publiko ricevas. Ni sidas en prefera rezervita loko, fronte al la direktisto, S-ro J. Garcés, verve kondukanta la koncerton per la sola rimedo de malpeza stangeto, kiu, en liaj lertaj manoj, ŝajnas mirinda magia bastoneto de feino.

Ĉiuj muzikaĵoj estis majstre, bonege, prezentataj, en elektitaj pecoj, kiujn la esperantistoj aŭskultis ekstaze kaj aplaŭdis pasie, *rompante* siajn manojn, en tondraj ovacioj, egalaj al tiuj en kulminaj periodoj de elokventa diskurso de niaj plej ŝatataj oratoroj. La muzikistoj, sur la kiosko, staras kaj salutas, klinante la kapojn, videble kontentaj pro tio, ke ilia ludado plaĉis al la esperantistoj, tiuj «kleraj kaj inteligentaj personoj», kiuj... fidelaj tamen al la alternaj fazoj de materio-spirito kaj spirito-materio, laŭ la principo, ke sen karbo ne fajras forno, rapidas nun per aŭtobusoj kaj taksioj al solena *hejtado* en

**LA OFICIALA BANKEDO**

Mem apud kajo de la haveno, en malalta moderna masonaĵo, troviĝas belaspekta restoracio, kies halon plenokupas la tuta kongresanaro, por iom rite --sed bonapetite!-- altabliĝi, fronte al larĝaj fenestroj, preter kiuj oni vidas flugi mevojn, inter mastoj de ŝipoj kaj veloj de barketoj. Armeo da kelneroj ekmanovras kaj liveras *municion* al la pacaj parapetoj de la tabloj, laŭ gastronomie strategia ordo de jena

MENUO

| | |
|---|---|
| *Almanĝetoj* | *Fruktoj diversaj* |
| *Rizo maristmaniere* | *Glaciaĵo* |
| *Fiŝfritaĵo* | *Kafo kaj brando* |
| *Ĉampano «Verda Stelo»* | |

Ĉar laboras la dentoj, strikas la langoj, almenaŭ ĝis la momento, kiam likvoroj lubrikas la gorĝon kaj ebligas inspiron al tostoj. Tiuj de aŭtoritatuloj kaj gvidantoj malfermas la periodon, kiu demokrate ĝeneraliĝas, pro rekta interveno de la *popolo*. Sed, tio estas simpla preparo por brila prezentado de S-ro F. Vilá, nia kara rapsodo, kiu ĉi-foje sin superis, belege deklamante, hispane kaj esperante, elektitajn poeziaĵojn. S-ro Batiste, lerte profitante la etoson, proponas realigi la sugeston donaci benkon al la Kapelo de la Virgulino de Lidon; oni aklamas la ideon, kaj tuja monkolektado garantias ĝian efektiviĝon. Cetere, oni min invitis diri kelkajn vortojn; kaj, fakte, pro afonio, nur kelkajn vortojn mi diris, en naiva metaforo pri kandelo, kiu sin konsumas por lumi, kaj esperantisto, kiu fervore sin elĉerpas por konvinki

Preskaŭ nerimarkite, la amuzo cedis lokon al la zorgoj --jen trudo de la alternaj fazoj-- ĉar D-ro Herrero avertas, ke estas la horo por reveni en la kongresejon kaj atenti la lastajn programerojn. Unu el ili estas la

**EKZAMENOJ DE ESPERANTO**

S-ro J. Aragay, nova respondeculo por ĉi tiu fako, arigas en la lernoĉambro la nunjarajn kandidatojn kaj faras al ili oportunajn indikojn, cele al plej perfekta posedo de la lingvo. Tre volonte, la junaj aspirantoj al diplomo pri kapableco submetiĝas al la tiklaĵoj de diktataj ekzercoj, kies grado de korekteco, en la solvoj, difinos la kvalifikojn. Samtempe, en alia ĉambro, sub egido de favora cirkonstanco, okazas

**FAKKUNSIDO DE BLINDULOJ**

Ankaŭ en la hispanaj kongresoj ĉeestas rimarkinda nombro da blinduloj, kun propra sekcio: «Hispana Esperanta Aŭroro».

Plej gravaj konkludoj estis: eldoni broŝuron, en brajla sistemo, por diskonigi Esperanton inter diverslandaj blinduloj; transdoni la redaktadon de la brajla Esperanto-bulteno al S-ro Saul Orea, ĵus elektita Sekretario de la sekcio; klopodi por ke H. E. A. estu fako ĉe la Instrua Sekcio de O. N. C. E. kaj, efike, disvastigi nian lingvon inter la hispana blindularo.

...Kaj ankoraŭ estas tempo, por interveni en la finaj tre interesaj debatoj de la

**DUA LABORKUNSIDO**

S-ro Gumá en la prezidejo prezentas al diskutado restantajn punktojn de la tagordo. Elekto de urbo por la venontjara kongreso ne povas okazi, pro manko de koncerna peto; sed, laŭ sugesto akceptita en la privata kunveno, oni aprobas kongresi en Andaluzio, se tio eblas, donante povon al la Estraro por la definitiva decido. En la punkto pri ĝeneralaj temoj, oni informas pri la sukcesoj atingitaj de Instituto de Esperanto en Barcelono, al kiu sin turnis eĉ direktoroj de privataj liceoj. S-ro Abella plendas pro manko de kompletaj adresaroj. Oni atentigas ankaŭ, ke venontjare, okaze de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, ĉiuj grupoj devas klopodi doni nomon de nia Majstro al strato de sia urbo.

Post utila interŝanĝo de ideoj, por ligiteco de la membroj kun la Federacio: oni resumas la decidojn kaj oni aprobas aklame la sekvantajn konkludojn, kiujn la Estraro prezentos al la Ministrejoj:

1.e *Libera instruado de Esperanto en Mezgradaj Lernejoj, Seminarioj kaj Laboraj Universitatoj, aŭ similaj institucioj,*

2.e *Eldono de turisma broŝuro pri Hispanio.*

3.e *Reeldono de la elĉerpita kajero n.° 1431 de «Documenta» (Decembro 1956) en kiu aperis bona raporto pri Esperanto.*

Tuj sekve, post kuraĝigaj vortoj de la Prezidanto, la strofoj de «La Espero», plenrespekte kaj agorde kantataj, fermas la kunsidon kaj ankaŭ la Kongreson.

Aktiva estis la tago, estu do kvieta la nokto! Jen devizo por tiuj, kiuj, multe laborinte hodiaŭ, ankoraŭ aktivos morgaŭ

**LUNDE — 28. JULIO**

Kontraŭ melankolio de l' adiaŭo, tentas la

**POSTKONGRESA EKSKURSO AL**

**PEÑISCOLA**

Brueta ĝojo, iom nerva, regas interne de la aŭtobusoj, kiuj, modernaj monstroj, ĉiam malsataj je kilometroj, kuras en norda direkto. Certe, la pasaĝeroj neniel deziras perdi la bonan humoron, ĉar ili konscias, ke temas jam pri lasta ebleco samideane kunvivi. La gejunuloj, precipe, interŝanĝas adresojn, por fiksi per korespondado siajn sentojn kaj impresojn.

La pejzaĝo estas konata: kampoj kun vitoj, kaj arboj kun karoboj kaj olivoj. Sed, subite, la vojo ortangule deflankiĝas, renkonte al lazura senfinaĵo de la maro. Dum momento --ne sen timo!-- oni kredas sidi en amfibiaj militistaj veturiloj, ŝtorme pretaj eniĝi en la ondaron... Ili tamen pace haltas antaŭ dometoj, ĉe rando de strando, kiuj ŝajnas fuĝi tra mallarĝa istmo, kiel sola pasejo, de la impona mezepoka fortikaĵo, bastiono kaj urbeto kun masiva tre dika remparo, konstruita sur rokego, abrupte elmerginta de la maro.

Jen do la fama Peñiscola, iama sidejo de Papo, vilaĝo nun de fiŝkaptistoj, en kies pitoreskajn stratetojn ni eniras amase kaj grimpe, ĝis la enira korto de la kastelo, kie, tra ogiva pordo, oni penetras en la historion. Jes, kreneloj kaj turoj, karceroj kaj niĉoj, koridoroj kaj ĉambregoj atestas pri epoko, kiam pro skismo en la Eklezio, komence de la 15-a jarcento, okdek-jara papo Benedikto, la XIIIa (Petro de Luna) rifuĝis en ĉi tiu feŭdo de la Ordeno de Montesa. La maljuna kaj obstina pontifiko, kiel aglo en sia nesto, defendis la legitimecon de siaj rajtoj, en epopea polemiko, ĝis forpaso en 1422. Marmora tabulo memorigas tion en salonego, kie kunsidis la Konsistorio. Tie mem, kompetentaj samideanoj detale klarigas pri la epizodo.

Forlasinte la glorajn ruinojn, estas ege plezure reveni en la nuntempon kaj povi naĝi, rajde de ŝaŭmantaj ondoj, aŭ kuŝi en ombrejo, apud la citadelo, kiu ŝajnas ankoraŭ deĵori, por gardi nian ripozon, antaŭ ol --ho ve!-- doloros la disiĝo...

---

Nepre ĝi venas, eĉ iomete pli frue por mi, kiam denove en la aŭtomobilo de D-ro Herrero, la ŝoseo rutine plenumas la devon longigi aŭ mallongigi distancojn. Jam en Valencio, ĉe la pordo de mia domo, mi rimarkas, ke la insigno ankoraŭ pendas de la jako. Kial do tuj ĝin dekroĉi? La kongresurbo ne fremdas, ĉar... Castellon ĉiam estis valora gemo, en la krono de la Valencia regno! **LUIS HERNANDEZ**



## LA 43a UNIVERSALA KONGRESO BRILIS EN MAINZ, LA URBO DE GUTENBERG

En rekorda nombro, pli ol 2000 gesamideanoj el 39 landoj, donis interesan aspekton de plej vera universaleco al la «Ora Majenco» kies urbestro, S-ro Franz Stein, ne nur honore postenis, kiel aŭtoritato, sed diligente laboris, kiel fervora samideano, gajninta ĉies simpation. Kanceliero K. Adenauer saluttelegrafis. Inĝeniero L. Zamenhof, nepo de nia Majstro, ĉeestis la Kongreson. La laboro, kiel jam kutime, ekster la ĝeneralaj kunvenoj de U. E. A., koncentriĝis en la Sekcioj; en la 1.a, oni studis la signifon de la granda projekto de UNESCO sub la titolo: «Reciproka aprezado de la okcidenta kaj orienta kulturaj valoroj». La 2.a elvokis grandan intereson pro ĝia temo: «La Lokaj Societoj, kerno de nia Movado». Inter la kulturaj aranĝoj, kiel tiuj plej elstaraj prelegoj de la Internacia Somera Universitato, okazis aliaj rimarkindaĵoj: Belarta Konkurso, Teatra kaj Muzika Vesperoj, Jubilea Festprogramo de U. E. A. k. t. p. En la Solena Inaŭguro. salutis kiel reprezentanto de nia Federacio S-ro R. Ayala el Barcelono. Unu el la plej gravaj kunsidoj estis tiu de la Internacia Organiza Komitato por prepari la festojn, kiujn oni celebros, okaze de la centjara datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof.

La Infana Kongreseto arigis 30 infanojn el naŭ landoj. Bonege funkciis la Gazetara Servo, kun tre bonaj rezultoj. La Universala Ekspozicio estis amase vizitata, pro daŭra anoncado per artaj afiŝoj tra la tuta urbo. Por la venonta jaro, Zamenhof-Jaro, oni antaŭvidas sukceson de la 44a Universala Kongreso en Varsovio, ĉefurbo de Pollando.

---

### EN LA ĈARMA VIENO OKAZIS LA 27a KONGRESO DE INTERNACIA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA

25-31 de Julio, en la belega ĉefurbo de Aŭstrio, kongresis I. K. U. E. pro malebleco aranĝi la renkontiĝon en Lourdes, kiel oni decidis dum la pasinta kongreso. en Zaragozo, la vienaj samideanoj akceptis kaj plenumis la taston, prezentanta agrablan programon kun-depende kun la Esperanto-Feria Semajno, organizita de la Internacia Esperanto-Muzeo, okaze de la inaŭguro de Monumento al D-ro Zamenhof en Vieno. Hispanio estis reprezentata de sep samideanoj, inter ili nia estrarano S-ro A. Pedro Marqueta kaj edzino. En la Solena Malfermo salutis la Prelato D-ro Hermann Peichl, je nomo de Lia Ĉefepiskopa Moŝto D-ro Franz Koenig; ankaŭ la konsilanto D-ro Franz Veits, oficiala reprezentanto de la Federacia Ministro por Instruado. Post la inaŭguro okazis la unua laborkunsido, kun referato de S-ro N. Hovorka pri «Sociala respondeco de la kristano en la moderna socio».

La programo estis densega kun taŭga laborado, ekskursoj, vizitoj kaj preĝoj. En la ĝenerala kunveno, estis elektita F-ino T. Durenkamp, kiel efektiva Sekretario-Kasisto; kaj, kiel nova estrarano, S-ro Marqueta. La proksima Kongreso okazos en Munkeno, la bavara ĉefurbo, dum 1960, en la kadro de la Tutmonda Eŭkaristia Kongreso.

---

## EN HELSINKI PROFITE LABORIS LA 31a KONGRESO DE S. A. T.

*En la norda luma ĉefurbo (kie, dum somero, la nokto apenaŭ daŭras tri horojn) ĉeestis 254 kongresanoj el 16 nacioj. Tri laborkunsidoj kaj ses prelegoj pruvas, ke kongresi kaj labori povas esti sinonimoj. Eĉ ekskursoj kaj vizitoj, kvankam distraj kaj tre agrablaj, donis okazon por utilaj studoj (Laborista Akademio, Sindikata Domo k. t. p.). La akcepto ĉe la Urbodomo, kun abunda regalo, kaj la Interfratiĝa Vespero, kun muzikaĵoj, kantoj kaj dancoj, estis memorindaj epizodoj, same kiel la Solena Malfermo kaj la Adiaŭa Vespero, oportune aranĝita por ke oni povu trankvile prepari la vojaĝon por komforta reveturo.*

*Venontjare, la 32a S. A. T.-Kongreso okazos en la industria germana urbo Dortmund.*

---

### LA 14a INTERNACIA JUNULARA KUNVENO DE T. E. J. O. EN HOMBURG (Saarlando)

Du junaj samideanoj, el la Valencia rondo, partoprenis ĉi tiun kunvenon. Ili rakontas entuziasme, kiel rapide forkuris la tagoj, tra la variaj eroj de la programo, en kiu, ekster Solena Inaŭguro kaj laborkunsidoj, ĉio estis en dediĉo al amuzo: Dancado, ekskurso al Saarbrucken, Filmvespero, Japana Vespero k. t. p. ĝis la fina veturo al Mainz.

---

◆ **LASTHORE:** ◆ **La deziro kongresi en Andaluzio havos kontentigan plenumon. Ni povas jam informi, ke la 20a Hispana Kongreso de Esperanto, okazos venontjare en MALAGA, la perlo de la suda marbordo**

● **¡OBSEQUIAD!** *A todos vuestros amigos y corresponsales del extranjero con el presente número extraordinario. que puede adquirirse a* **ocho** *pesetas el ejemplar. Si se nos mandan las direcciones, lo expediremos directamente, corriendo a nuestro cargo el franqueo*

## NIA KORA DANKO

### AL MUZIKA KONTRIBUO

La versaĵo «Kaj Vi, Kiam?» de M. de Elezcano, aperinta en la pasinta numero de BOLETIN, estas ĵus muzikigita de S-ano Boris Avramov, bona bulgara amiko kaj talenta komponisto el Sofio. Ĉar li verkis tion, kiel elegian omaĝon al la hispana esperantistaro, ni klopodos oportune diskonigi la ricevitajn muziknotojn, por iel danki kaj reciproki la fervoron de nia kara malproksima samideano.

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Junio-Septbre. de 1958)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 3.551'50 | Ptas. |
| J. Orós - Zaragoza | 10 | » |
| M. Maynar - Zaragoza | 10 | » |
| M. Tarragó - Almatret | 10 | » |
| F. Parra - Valencia | 10 | » |
| L. Pérez - Valencia | 25 | » |
| E. Miralles - Valencia | 20 | » |
| J. Montfort - Barcelona | 10 | » |
| F. Fernández - Lugo | 100 | » |
| A. Corral - Buenos Aires | 300 | » |
| M. Alamo - Valverde-Hierro | 10 | » |
| F. Estruch - Valencia | 12'50 | » |
| P. Naranjo - Jerez de la Frontera. | 10 | » |
| F. Amorós - Valencia | 10 | » |
| D. Rodríguez - Madrid | 50 | » |
| E. Alvarez - Barcelona | 25 | » |
| E. López Sáez - Bata | 10 | » |
| A. Cortés - Londres | 40 | » |
| J. Estañ - Granada | 70 | » |
| J. Montfort - Barcelona | 10 | » |
| M. de Elézcano - Bilbao | 15 | » |
| Ricardo Quiles - Valencia | 25 | » |
| José Lencer - N. Smyrna (U. S. A.) | 650 | » |
| J. E. Guillem - Valencia | 50 | » |
| F. Alsina - Barcelona | 100 | » |
| N. N - Barcelona | 25 | » |

Esperanto-Klubo de «S. A. Payá Miralles» de Mislata (Valencia)

| | | |
|---|---|---|
| Roberto | 10 | Ptas. |
| Modesto | 7 | » |
| Terol | 5 | » |
| Catalá | 2 | » |
| Blasco | 3 | » |
| Sanchis | 3 | » |
| Vicente | 5 | » |
| Rafael | 3 | » |
| Pallarés | 5 | » |
| Enriquito | 1 | » |
| Juanito | 5 | » |
| Félix | 5 | » |
| Joel | 2 | » |
| Total | 5.215 | » |

*Como quien somos, cumplimos...*

## TESORERIA

Relación de números y agraciados en los últimos sorteos:

25 de Junio. N.° 11.098 a don Juan Bosch, de Valencia, por su número 98.

26 de Julio. N.° 2.931 a don Darío Rodríguez, de Madrid, por su número 31.

25 de Agosto. N.° 37.836 a D. Eusebio Maynar, de Zaragoza, por su número 36.

## SFINKSA ANGULETO

### BONVOLU CERBUMI

Por stimuli sian filon en la aritmetikaj studoj, patro promesis pagi al li ok pesetojn por ĉiu problemo bone solvita. Kontraŭe, la filo pagos al sia patro kvin pesetojn por ĉiu problemo malbone solvita. La problemoj, entute, estis 26; sed, fine, nenion pagis unu al la alia, ĉar ambaŭ restis kvitaj.

● **Kiam da problemoj estis bone kaj malbone solvitaj?**

Ĝusta solvo gajnos unu poenton ĝis 20. Novembro.

### SOLVO PRI LA MNEMOTEKNIKA DISTRO EN LA PASINTA NUMERO

*Por memori la kvantojn, oni devas legi la ciferojn de dekstre maldekstren; tiel oni rimarkos, ke la kvantoj duobliĝas.*

*Ekzemple: 7, 14, 28, 56 k. t. p.*

## ESPERANTISTA VIVO

Ĵus alveninta en Venezuelo, nia samideano el Tarrasa, Vicente Aris, havis la ĝojon esti patro de ĉarma filineto, kiu nomiĝos Yolanda Aris Llach. La nuna adreso de nia samideano estas:

Residencia del Este - Portal C, 2.° piso, 5

SEBUCAN (Estado Miranda) Venezuelo

### EMINENTA JAPANA SAMIDEANO EN MADRIDO

La japana esperantisto Prof. Sandi Kawada, Direktoro de la Instituto de Aeronaŭtikaj Esploroj de la Universitato de Tokio, vizitis Madridon dum la tagoj 8-13 de Septembro, por partopreni la 1.an Kongreson de Aeronaŭtikaj Sciencoj.

Dum akcepto de la madrida Urbestraro, li respondis demandojn de ĵurnalistoj kaj kolegoj hispanaj en Esperanto, tradukante liajn vortojn nia madrida S-ano Angel Figuerola. En la madrida gazetaro aperis fotoj kaj favoraj komentoj pri tiu fakto.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA



**Agrabla Koncerto**



**Bona Bankedo**





**Bela Dekoracio**